plej gravan rolon. Unuflanke la ideo de forta internacia kunlaborado de ĉiulandaj proletarioj neniam plu malaperis, sed inter subpremoj kaj persekutadoj diverslandaj disvastiĝadis kun pligrandiĝanta forto. Aliflanke per la forigo de la anarkista parto klare montriĝis, ke oni estas decidata, pli alproksimiĝi al la realaj faktoj de l' mondo kaj serĉi iom pli realigeblajn kaj klarajn programpunktojn positivajn. Tiel la ŝajna malsukceso fakte nur estis saniga proceduro: ĉar anarkismo kiu neniigas tute la leĝon kaj ŝtaton, kaj socialismo, kiu volas ordigi la socian vivon per ŝtataj leĝoj, estas absolutaj kontrastoj. Restis tamen la materialista fundamento, teorie kiel praktike. Kaj tio estas la fundamenta eraro. Dio kaj Dia direktado de l' mondo estas reala fakto. Kiu neas tiun ĉi unuan realecon, neniam forigos la kapitalistan sistemon, kiu mem estas materialista. La materion subigi per materio estas la sama kiel diablon forpeli per diablo.

### La dua internacio (1872—1914).

La plua evoluo de la komunista agado estas plej firme interligata kun la pligrandiĝo de la socialista movado en Germanio, kie pli frue ol en aliaj landoj oni rimarkas celscian kaj fortan kreskon de la movado. Jam en jaro 1863 kreiĝis du diverscelaj laboristaj organizoj: la ĝenerala laborista unuiĝo, laŭ la programo de Lassalle, kaj la ligo de la germanaj laboristoj asocioj, kiu restis en intima interligo kun la liberala-progresema partio: ĉefaj komunaj programpunktoj estis la ĝenerala kaj direkta voĉdona rajto por ĉiuj ŝtatanoj sen diferenco de klaso kaj riĉeco. Per tio ili serĉis vojon por havigi al si la ŝtatan potencon. Sed baldaŭ Liebknecht kaj Bebel, disiploj de Marx, atingis la decidan influon kaj post dissolvo de la ligo 1869 en Eisenach, fondiĝis la socialdemokrata laborista partio, internacia kaj revoluciema, kiu dum la venontaj dekjaroj estiĝis la plej multnombra partio germana. Sed komence inter la modera „unuiĝo" de Lassalle, kaj la radikala „partio" de Liebknecht-Bebel estis granda kaj akra batalado. Nur la perforta subpremo de ambaŭ post la milito de 1870/71 efikis la kunigon de la fratoj disiĝai 1875 en Gotha (programo de Gotha). Depost tiu tempo la socialdemokrata partio montras senĉesan kaj surprizan plimultiĝon. Tiuj sukcesoj kaj pluraj atencoj kontraŭ la imperiestro Vilhelmo, kiujn oni deklaris kiel frukton de la socialista agitado, kaŭzis la eliron de la „socialista leĝo" de 1878, kiu fakte dissolvis la tutan socialistan organizon. Sed ĉiuj leĝoj ne povis haltigi la venkan antaŭmarŝon. La ĉefgvidantoj direktis el la eksterlando la movadon kaj ĝuste la escepto-leĝoj kaj persekutadoj mirinde fortigis la partion, tiel ke en jaro 1890, kiam la escepto-leĝoj estis forigitaj, la partio nombris 1,427.000 voĉojn ĉe la tutŝtata balotado (1871: 163.300; 1907: 3,260.000). En sama jaro oni publikigis la mondkonatan programon de Erfurt, kiu estiĝis la entuziasmiga kaj fundamenta programo internacia por la tutmonda proletaria movado ĝis 1914.

Samtempe reviviĝis la internacia agado. Okaze de la centjarreveno de la granda franca revolucio 1889 en Paris kaj 1891 en Bruxelles, oni fakte restarigis la socialistan internacion. En la jaro 1901 tiuj klopodoj estis kronataj per kreo de la Internacia Socialista Oficejo en Bruxelles.

Depost la jaro 1890 la socialista movado vere internaciiĝis, ne nur en kelkaj gvidantoj, sed fakte inter la masoj de la laboristaro. Preskaŭ en ĉiuj kulturŝtatoj naskiĝis fortaj naciaj socialistaj partioj kaj specialaj sekcioj por la junularo estas sukcese kreitaj. Ne estas eble ĉi tie per longaj statistikoj pruvi ĉi tion. Ni ĉiuj ja ankoraŭ el propra memoro scias tiun evoluon. Certe ankaŭ ekzistis gravaj internaj diferencoj; certe ne en ĉiuj landoj la organisacio estis tiel unueca, forta, celscia kiel en Germanio: tamen kompare al la unua internacio en jaro 1870, kiu fakte estis nenio, oni devas rekoni la fakton, ke la dua internacio en jaro 1914 estis reala tutmonda forto internacia, almenaŭ internaciema, al kiu apartenis multaj milionoj da laboristoj el ĉiuj kulturŝtatoj de la mondo.

Venis la granda milito kaj ĝi estis fakte la fino de la dua internacio. La fakto montris, ke nek la internaj fortoj nek la eksteraj influoj estis sufiĉe grandaj por malhelpi la eksplodon de la terura katastrofo. Oni vidis, ke en la diversaj landoj la socialistoj ne havis tiom decidan influon por ekkoni la verajn faktojn, tiri la necesajn konkludojn kaj realigi la programpunktojn. Estas ja tute klare, ke efika kontraŭagado kontraŭ la eksplodo de la milito nur estus estinta sukcesebla, se samtempe kaj samforte en ĉiuj ŝtatoj estus organizita energia movado por la paco. Sed tio ne okazis, ne povis okazi, ĉar mankis la forto, la influo, la klara kaj vastenrigarda direktado. Ĝis tiam la socialista agado estis tute absorbita per enlandaj klasbataloj. Oni havis nek sperton en la internacia politiko nek edukitajn gvidantojn sur tiu malfacila teritorio — Unuvorte: la eksplodo de la milito fakte estis la fino de la dua internacio.

Resumante la evoluon de la dua internacio ni trovas ekstere vere mirindan pligrandiĝon kaj internacian disvastiĝon en la amasoj de la proletarioj tutmondaj. Tiurilate la alvoko kiun ealsendis K. Marx en jaro 1848, parte jam estis realigata.

Interne ni vidas, ke en la unua duonperiodo (eble ĝis 1900) la nereala, teoria kaj pure materialista scienco ĉiuflanken estis kompletigata al unueca teoria sistemo. Depost 1900 tamen oni konstatas certan evoluon al la realeco de l' vivo kaj oni nomis ĉi tiun direkton „revisionismo". Akraj estis la disputoj inter la „pura marksismo" kaj la „revisionismo". En pluraj ŝtatoj formiĝis eĉ malamikaj partioj, sed entute la „unueca fronto" estis konservata ĝis la jaro 1914. La tuta periodo estas karakterizita per du faktoj: la laboristaro de Eŭropo, plej grandparte organizita en la socialistaj partioj kaj sindikatoj, atingis pligrandigitan influon per akiro de la parlamentoj. Forlasante la pure negativan metodon de „obstrukcio", ili komencis per tio influigi la leĝdonadon socian. Aliflanke la interklasaj bataladoj en preskaŭ ĉiuj eŭropaj ŝtatoj alkreskis al preskaŭ ne plu tolerebla fortego. La ĉiuŝtate bone organizitaj atakoj kontraŭ la religio, direktataj kun ruzo kaj sperto per liberalo-framasonaj burĝaj partioj, kaŭzis grandiosan tutmondan spiritan batalon por kaj kontraŭ Kristo. La socialistoj ĉiuspecaj, bedaŭrinde ekscitataj per la neĝusta opinio, ke la kristana religio estus plej forta apogo de la kapitalista-militarista ŝtato, ĉie akre batalis kontraŭ la eklezio kaj malprudente eĉ serĉis elŝiri la religian senton el la laborista klaso kaj per tio mem forigis la plej bonajn fortojn, nome la supernaturajn el sia tuta movado. (Daŭrigota.)

---

## La katolika reviviĝo en Danio.

Antaŭ multaj centjaroj Danio estis katolika lando floranta. Sanktaj misiistoj, inter ili precipe Willibrod kaj Ansgar († 865), semis la kristanan veron en tiuj belegaj kaj fruktaj landoj, kaj la sankta semitaĵo elkreskis al mirinda frukto ĝis la glora tempo de la granda reĝo Knud (1014—1035), kiu samtempe estis reĝo de Anglio kaj Norvegio. Dum la sekvonta epoko la eklezia vivo estis plej vigla. Multaj cent da eklezioj estis konstruataj; preskaŭ ĉiuj ordenoj tie laboris kaj arto kaj scienco sub la gvidado de la eklezio estis en bela floro.

La malfeliĉa lutera reformacio, kiu la tutan germanlingvan popolon disigis religie, ankaŭ sukcese disvastiĝis en Danio. En jaro 1536 la reĝo Kristiano III[a] ĉiujn episkopojn kondukigis en malliberejon kaj forigis per parlamenta decido la episkopan potencon. De tiu tempo dum multaj centjaroj la katolika vivo estis morta. Severaj leĝoj, precipe depost 1683, malpermesis la katolikan religion ĝis la jaro 1849, kiam la nova konstitucio al ĉiu ŝtatano donis religian liberecon.

Tiu glora jaro estas la matenruĝo de nova reviviĝo de l' eklezio el malnovaj tomboj. En jaro 1869 por Danio estas starigata Apostola Prefekturo kiel centro de la misia agado, kiu en jaro 1892 estas plialtigata al Apostola Vikariato. Kaj en ĉi tiu jaro, je la 7[a] de Marto, la unua episkopo de Danio, solene eniris en la flororiĉan katedralon de Kopenhagen. Jen la glora reviviĝo de la sankta eklezio el multcentjara tombo.

Antaŭ tridek jaroj la katolikoj precipe pastroj kaj monaĥoj estis konsiderataj kiel „malkonverteblaj nesaĝuloj", kiujn oni evitis sur stratoj kaj publikaj placoj. Sed per la senlaca agado karita de la katolikoj, precipe en lernejoj kaj hospitaloj, tiu juĝo tute foriĝis, kaj la elnature tre demokrata sento de la popolo hodiaŭ kun certa bonvolemo rigardas la katolikojn. Ĉiuj ŝtataj oficoj same estas liberaj al katolikoj kaj nekatolikoj, kaj fakte oni trovas ankaŭ en la plej altaj postenoj kaj eĉ en la reĝa kurto influajn katolikojn.

Laŭ la plej nova denombro nuntempe vivas eble 22.000 katolikoj en Danio. Ili estas dissemitaj tra la tuta lando kaj la prizorgado de la animoj estas plej malfacila tasko. Dek viraj kaj sama nombro de virinaj ordenoj vigle agadas por la misia kaj karita agadoj. Entute ekzistas 42 parokaj kaj misiaj stacioj kun 25 lernejoj, multaj edukaj institutoj, hospitaloj kun tri mezgrandaj lernejoj kpt.

La kresko de la katolika vivo estas videbla. Kvankam depost la milito la subteno de eksterlandaj amikoj ĉesis, tamen oni konstruas novajn ekleziojn. En jaro 1921 la katolikoj plimultiĝis je 1519, inter ili estis 246 konvertiĝintoj, precipe el la intelektula klaso.

El la dana katolika literaturo ni precipe nomu la mondkonatajn verkistojn: Jörgensen, Krogh-Tomning, kaj Jon Svenson, islandano.

Tiel oni povas prave esperi, ke la katolika vivo en Danio, reviviĝinta el centjaraj tomboj, de la nuna bela matenruĝo plenkresku al luma tago de riĉa rikolto. A. D.

---

## El la katolika junula movado en Rejnlando.

La 17[an] de Majo 1923.

En Düsseldorf ĉe la Rejno, sul mallarĝa placo, en ombro de malnova preĝejo trankvila, inter domoj jam vidintaj multajn gentojn kaj generaciojn, staras granda kolono, kronita per la statuo de la maja reĝino. Pasintan dimanĉon la tuta junularo katolika de Düsseldorf sin dediĉis al ŝi.

Post fajra prediko instiga kaj adorado en la preĝejo de Sta. Maksimiliano, dume la kantoj je la honoro de l' ĉielpatrino laute sonis tra la spaco eliris la brilanta procesio, kun standardoj multkoloraj, kaj ĉirkaŭis en longaj vicoj la kolonon, kiu ŝajnis dronanta en maro de floroj kaj kandeloj. La tuta pastraro ĉeestis en ornato. Ree eksonis la solenaj horoj . . .

Tiam junulo ĵuris en la nomo de ni ĉiuj, ke ni volas resti fidelaj a la Sankta Dipatrino, ke ni volas estiĝi kvazaŭ majaj floroj al ŝia honoro. Li petegis, ke la milda patrino benu ĉiujn nin, kiuj sin dediĉas al ŝi; benu la tutan kristanaron, por ke ni fariĝu granda sankta familio; benu ĉiujn, kiuj donis bonon al ni kaj nia patrolando kaj benu ankaŭ tiujn, kiuj agas maljuste al ni; estiĝu pacon en niaj koroj kaj en la koroj de ĉiuj homoj kristanaj; donu veran pacan senton! — Ho ke la tuta junularo de l' mondo sin tiel dediĉu en la bela monato majo al la reĝino de l' paco kaj de ŝi elpetu instigajn gracojn por agdi en tiu spirito, la spirito de nia „Moka", por ke la reĝino de majo baldaŭ reĝu en la koroj de la homoj! Ĉeestinto.

---

## Katolika Unuigo Egipta.

Sub alta patronado de Lia Arkepiskopa Moŝto, Monsinjoro A. Cassulo, Apostola Deligito de Egipto kaj Arabio, kaj la direktado de ĉiuj Episkopoj de Egipto, oni kreis en Aleksandrio tutegiptan ligon: „Katolika Unuigo Egipta" kun celo kunigi la katolikanojn de iu. ajn rito kaj nacio en uno asocio por kunligi la klopodojn de religia kaj morala bono kaj defendo.

Per ĉi-tiu, la katolikanoj kunligitaj per kredo povus venki la malamikojn de nia sankta religio.

Por ekigi la ellaboraĵon, la Katolika Unuigo, organizis je la 4[a] de lasta Marto „Katolikan Tagon" al kiu tago granda amaso de fideluloj ĉeestis.

Frumatene la Katolikaj preĝejoj, estis plenaj je kreduloj; oni kantis solenajn Mesojn, kun paroladoj de la ĉefpastroj; ĉe la S. Katerina Katedralo Monsinjoro Igino Nuti, O. F. M., apostola vikario, tenis solenan pontifikan meson kun ĉeesto de S. E. Monsinjoro apost. deligito. Ĉe la greko-katolika pregejo funkciis Monsinjoro A. Farage, kaj ĉe Kofta katolika preĝejo Monsinjoro Sedfani; ambaŭ parolis kun varmegaj vortoj pri la katolika agado, kaj tiel oni inaŭguris la „Katolikan Unuigon".

Post la religiaj funkcioj, oni tenis ĉe la apostola vikaria domo solenan riĉevon, al kiu ĉiuj rappresentantoj de katolika agado kunvenis.

La Malta musikaro kaj tiu de la S. Katerina Kolegio sonadis, pretis ankoraŭ servon la junaj katolikaj Skutanoj italaj kaj Syrianoj de Libano.

Dum la solena aŭdienco juĝisto Ragheb Bey Ghali, prezidanto de la Katolika Egipta Unuigo legis tre belan elparoladon, al kiu respondis kaj dankis Monsinjoro apostolika deligito A. Cassulo.

Postmatene oni okazigis religian kunvenon ĉe S. Katarina Katedralo. Katolikaj Konferencioj estis faritaj en diversaj lingvoj, franca: R. P. Orleans, O. F. M.; itala: R. P. Marcello, O. F. M., kaj araba Monsinjoro Arkimandrito E. Batareh.

Dum la solena aŭdienco telegramoj estis senditaj al Lia Papa Moŝto, kaj al Lia Rega Moŝto de Egipto, kaj dum la vespera festo oni legis publike la respondojn, kun fervora aplaŭdo, kaj la Katolika Tago finis kun la Sakramenta Beno de S. E. apostola delegito, kun ĉiama kaj dolĉa memoro de ĉiuj ĉeestantoj.

Vivu la katolika agado! H. Mercierca.

## Ĉu katolika Esperanto-gazeto?

Plej diversaj estas la opinioj pri katolika gazeto en Esperanto. Ekzistas eĉ tiuj, kiuj opinias, ke speciala katolika gazeto estas superflua; ĉar Esperanto estas tute neŭtrala afero; ne ekzistas „katolika“ aŭ „komunista“ Esperanto; do ankaŭ katolika Esperanto-gazeto ne estas necesa. Eble ĉi tiuj estus iomete pravaj, se Esperanto nur estus aferoj de kelkaj diletantaj rondoj, kvazaŭ nur sporto por kelkaj idealistoj, kiuj amas kaj disvastigas Esperanton nur pro ĝi mem, sen iu pli alta kaj pli konkreta celo. Tiam eble speciala katolika gazeto kaj eĉ organizo ne estus nepre necesa, se ankaŭ ne superflua; ĉar regule ankaŭ ne ekzistas speciala katolika gazeto por piedpilka sporto k. s.

Sed feliĉe tiuj „eksterflankuloj“ estas raraj. Kaj jam depost la unuaj tagoj de la katolika Esperanto-movado la konvinko estis ĝenerala, ke Esperanto havas eksterordinare grandan signifon por la katolika eklezio, kvankam oni ne tuj kaj ĉiam vidis tiom klare la plej taŭgajn vojojn kaj metodojn. El tio rezultas, ke la opinioj ĝis hodiaŭ estas disaj tiel pri la organizado kiel pri la gazeto katolika. Tio tamen tute ne estas malutila, dum oni klopodas trovi la komunan bazon, **kiu ebligas la plej efikan sukceson.**

Ekzistas nu samideanoj katolikaj kiuj akcentas la vorton: disvastigo: jes per ĉiuj iloj bonaj disvastigi Esperanton en la katolikaj rondoj tutmondaj, tio estas ilia entuziasma kaj plej laŭdinda celo. Pro tio laŭ ilia opinio katolika **Esperanto-gazeto,** raportante ĉefe kaj speciale pri disvastigo de Esperanto inter la samkredanoj diverslandaj, pri sukcesoj, kongresoj, lingvaj problemoj, pri Esperanto-literaturo ktp. Ilia idealo estus eble Esperanto triumfonta, nur kun tiu diferenco, ke la katolika movado havus la unuan placon.

Aliaj tamen pli multe akcentas la praktikan uzon kaj aplikon de Esperanto en katolikaj rondoj kaj aferoj. Ili estas konvinkitaj, ke neniam ni sukcesos disvastigadi sukcese Esperanton en katolikaj rondoj, se ni ne unue montras praktike la grandan uzeblecon de la helplingvo por la nacia kaj internacia vivo. Ilia devizo estas **praktigi** Esperanton kaj ĝin praktikigante disvastigadi. Tiu konvinko rezultas el la sperto, ke estas plej malfacile en oficialaj kaj pli grandaj rondoj katolikaj disvastigadi Esperanton aŭ eĉ nur gajni atenton kaj simpation, se ni ne sukcesas per praktika apliko videble pruvi la taŭgecon kaj uzeblecon. Ilia idealo de katolika gazeto do estas **katolika gazeto, skribita** en Esperanto, kiu raportas unue pri aktualaj problemoj kai okazintaĵoj de la katolika vivo nacia kaj internacia: do la ĉiuflanken pligrandigota, plioftigota, plibonigota „Katolika Mondo“.

Aliaj fine preferus revuon katolikan, kun interesaj sciencaj kaj literaturaj artikoloj, statistikoj, noveloj, poeziaĵoj, ilustraĵoj ktp....

Kion finfine fari? Por ĝuste prijuĝi la situacion, estas necese, ke ni revenu de la laŭdindaj idealoj al la kruela realeco. Kaj tiu realeco estas, kaj hodiaŭa la nombro de la katolikaj samideanoj, t. e. de tiuj katolikaj, kiuj scipovas Esperanton kaj interesiĝas pri speciala katolika movado, estas tro malgranda por tuj efike realigi la suprenomitajn idealojn. Estas speciala kutimo de la Esperantistoj, ke ili fantazias pri multaj mil, eĉ cent mil da Esperantistoj. Estas eble, ke ekzistas tiom da samideanoj. Estas eble, ke ekzistas pluraj dekmil da Esperantistoj, kiuj estas katolikoj baptitaj; sed ili ne interesiĝas pri katolika vivo aŭ speciala katolika movado kaj gazeto. Do ni unue devas rekoni la realan fakton, ke eĉ ne ekzistas 3000 katolikaj Esperantistoj agademaj. Kaj inter tiuj preskaŭ du trionoj loĝas en Germanio kaj aliaj malaltvalutaj ŝtatoj orientaj, tiel ke ili, malgraŭ bona volo, ne povas efike subteni specialan katolikan agadon. Tiu ĉi malgranda nombro ne estas mirinda, sed oni komparas, ke UEA apenaŭ havas 5000 membrojn ka E. T. apenaŭ 5 ĝis 6000 abonintojn!

Post tiu reala konstato jam estos plifacila diskuti la gazetan problemon. Ĉar la plej simpla kalkulado jam montras, ke momente ne estas eble eldoni du aŭ plurajn grandajn gazetojn aŭ revuojn katolikajn, sed ke ni devus kuncentrigi la fortojn por daŭre havi unu grandan, kiel plej multenhavan gazeton, kiu laŭeble kontentigas ĉiujn direktojn kaj opiniojn.

Kaj en tiu rilato estus mia opinio, ke aperu gazeto katolika, kiu raportas en Esperanto pri la aktualaj problemoj, okazintaĵoj, movadoj de la nacia kaj internacia katolika vivo, kiu regule raportas monate en speciala rubriko pri la katolika-Esperanto-movado. Kaj fine oni povus publikigi specialan aldonon sub titolo „Katolika Revuo“, kiu estos pligrandigota laŭ la financaj eblecoj. Tiel estus eble, kunigi sufiĉe la du nomitajn direktojn idealajn kai en pli alta sintezo serĉi fratan harmonion.

Se ni tiel modeste komencas sen iluziaj esperoj kaj sen malrealaj fantaziaĵoj, kai sur tiu solida bazo alceladas kiel eble plej baldaŭan pligrandiĝon kaj plioftigon, ni certe sukcesos alproksimiĝi al la idealo: nome granda gazeto katolika aktuala kaj riĉenhava, kiu aperas almenaŭ semajne, kaj granda, dika revuo duonmonata. Intertempe tamen estu la devizo: estu realistoj, kuncentrigu la fortojn! Ne nur kritiku, sed precipe laboru! La kritikuloj estas utilaj, la laboruloj tamen necesegaj!

K. Mayr.

## Letero el la vivo.

La 19an de Aprilo 1923.

Mi alportas grandan ĝojon hodiaŭ . . . kaj mi volus, ke ĉiuj ĝin konu. Sajnas al mi ke nun la Ika-movado en Francio devas kreski: Jen kial.

Estas nur agrable vojaĝi ĉiutage en vagono, kiam oni povas ankaŭ fari kelkan bonon: do estis bone lernigi „Esperanton“ al fraŭlino, uzante „Katolika Mondo“, en kiu troviĝas tiel bonegaj artikoloj vere kaj profunde kristanaj. De traduko al traduko kristanismo progresadis en la animo: Amo de Kristo por ĉiuj homoj bonaj kaj eĉ malbonaj; frateco en Kristo, devo de ĉiuj kristanaj . . . Dolĉe Jesuo la dolĉa penetris . . . kaj iam kelkaj timemaj vortoj frapetis mian orelon: mi dezirus est babtita . . . De tiu tago fraŭlino lernas katekismon, estas por ŝi nova vivo; ŝi ne konis la kristianismon, kaj ofte ŝi nun diras: kiel bela tio estas.

Oh, la diablo estas malkontenta. Gi provis denove altiri ŝin al ĝi: la mondo, vi scias, estas malbona.

Gefratoj en Kristo, ho vi, ĉiuj kiuj konas la amon, vi ĉiuj, kiuj ĉiudimanĉe almenaŭ ricevas en via koro nian Jesuon tiel bona: preĝu, mi vin petas, por mia nova amikino, por mia fratino en Kristo, ĉar baldaŭ ŝi ricevos sur sian frunton la sanktan akvon de la bapto . . . kaj ŝi ne estos sola en tiu bena tago: ŝia frato estos ankaŭ baptato kaj baldaŭ ili ricevos en iliajn korojn nian Jesuon, tiel amata.

Ĉu tio ne estas beno de Dio por la movado en Francio, kaj ankaŭ por la tutmonda movado de Ika?

Antaŭen do nun, pli ol neniam!

Ĉar en mia lando, estas multaj, kiuj amus Kriston, se ili lin konus. La granda nuna problemo konsistas en tiu laboro: konigi al la tuta popolo la veran kristanan doktrinon. Tro malmulte da homoj, ve, konas nur nian sanktan religion laŭ la vivo de tiuj, kiuj vizitadas niajn preĝejojn, sed ne vivas kiel kristanoj; kaj tio ne estas sufiĉa.

Kristo venis por ĉiuj kaj li amas precipe la suferantojn. Nu, multaj en nia nekristana, en nia idolana societo ne havas la necesaĵon por sia homa vivo. Ni kristanoj devas helpi ilin. Tro longe ni ne faris atenton al ili, ni vivis kiel nekristanoj, kaj grandaparte ni estas kulpaj, se multaj foriris la eklezion de Kristo.

La laborantoj havas devojn, jes, sed ankaŭ ili havas rajtojn, kaj kiam fariĝas kontraŭ ili maljusteco ni kristanoj, devas agadi por ili. Ili devas ankaŭ ĝoji je Dio, kaj se entreprenisto senkora, idolana, trouzas ilin kiel bestoj aŭ ankaŭ kiel maŝinoj, nia voĉo devas haltigi lin. Justeco, frateco, vortoj, tiuj por ni devas esti realaĵoj, aŭ ni ne estas kristanoj. Iru do al ĉiuj laborantoj, iru ni por porti al ili la forton de Kristo. Kaj kiam ili konos la verecon tiam, kiel ni, ili deziras ricevi en ilian koron la Dion tutbonan, tutbelan, kiu donas al ni tiom da feliĉo.

La popolo, la malriĉuloj tiam plenigos la preĝejon. Kaj por tiu rezultato en la tuta mondo devas labori la katolikoj unuigitaj en iliaj kristanaj sindikatoj.

Ch. Gravey.

# La tria internacia Katolika Kongreso en Konstanz la 10—15an de aŭgusto 1923.

### 5a Komuniko.

#### Loĝigo.

Estas plej urĝa tempo, ke la kongresanoj sendu siajn dezirojn pri loĝigo. Alie ne estas garantio, ke ili havos konvenan loĝejon! Oni sendu la sinancojn senpere al Ika.

#### Akzeptejo.

En la stacidomo — haveno de Konstanz estos malfermata akceptejo por la alvenintaj kongresanoj, kie ili akceptos ĉiujn necesajn informojn pri loĝejo, programo, salonegoj ktp.

#### Kongresanoj de Nürnberg kaj Freiburg,

kiuj volas partopreni la kongreson de Konstanz estas invitataj, partopreni je la komuna veturado. En interkonsento kun la kongreskomitato en Nürnberg dum la katolika fakkunsido okazos ankaŭ mallonga raporto pri Ika kaj Esperanto-laboro de Sro ĉefsekretario K. Mayr. Ĉiuj katolikaj kongresanoj de Nürnberg estas invitataj viziti tiun fakkunsidon. La venturontaj de Nürnberg al Konstanz interrilatiĝu kun Sro ĉefsekretario Hanns Sappl, kiu ĉeestos en Nürnberg.

#### Enkuraĝigo de eklezia aŭtoritato.

Krom la jam publikigataj leteroj de Mgro Pacelli, Apost. Nuncio de München, kaj de L. E. M. Kard. Dubois de Parizo, ni ĝoje povas sciigi, ke la nombro de la altrangaj protektantoj kaj subtenantoj pligrandiĝas, I. a. aliĝas aŭ benis la kongreson L. E. M. Kard. Maffi, Pisa; L. E. M. Kard. Schulte, Köln, Germ., ktp. Lia Moŝto, Dro K. Fritz, malhelpata mem ĉeesti la kongreson, komisiis la ĉefparokestron de Konstanz, Dron Gröber, ke li en sia nomo diru saluton kaj benon al la kongreso.

#### Novaj aliĝoj.

Dro Schwellenbach, Berlin; Sro Perron, Besançon; Rev. Prof. Carbó, Barcelona; Dro Hinsenkamp, Sro Ruth, Sro Schmidt, Sro Nuttebaum, Sro Stege, Sro Metzler, Sro Schumacher, ĉiuj en Essen, Germ.; Sro Richter, Sro Dolansky, Olmouce, Ĉeĥosl.; Sro Fiedler, Freiburg, Svisio; Prof. Cassasa, Italio; Rev. Prof. Galbiati, Milano; Dro Mack, Luxemburg; Sino Silvia Grieveson, London; R. P. Brudener, Wien; Kan. Dro Drobig, München; Dro Hättenschwiller (k. popolunuiĝo), Dro Müller, Dro Maurer, ĉiuj katolikaj gvidantoj de Svisio; Kapl. Hinz, Berlino; Sro Gabriel, Innsbruck; Sro Baser, Metz; Sro Nußbaumer, Bregenz; R. Weidner, Frankfurt; Sro Kolvenbach, Sro Weidenfelder, Düsseldorf; Sro Solzbacher, Honnef; Sro Droin, Biarritz; Sro Wagener, Ladowitz, Ĉhsl.; Sro Coradell, Hispanio; dek samideanoj el Litovujo; reprezentantoj el Jugoslavio kaj aliaj.

## Grava sciigo.

**Dum la lastaj tagoj la aliĝoj al la kongreso mirinde plimultiĝas. Kun grandega kaj kora ĝojo ni ricevis la komunikon de amiko el Ĉeĥoslovakio, ke ni plej verŝajne havos eĉ episkopon mondkonatan inter la kongresanoj!**

## Recenzejo.

### Internacia literaturo.

**Jaarboek** von Onderwijs en Opvoeding, 's Gravenhage, Bezuidenhout 275, Nederlando.

Ĉi tiu grandega kaj vere interesa jarlibro por instruado kaj edukado de la junuloj katolikaj montras en eminenta maniero la historion kaj la feliĉan rezulton de la batalo multjara por la katolikaj lernejoj! Kiu komprenas la nederlandan aŭ germanan lingvon legu la interesegan verkon!

**Roczniki Katolickie,** 1922 de Ks. N. Cieszyński, Poznań, Polska.

Katolika jarlibro internacia, enhavanta la plej gravajn okazintaĵojn katolikajn de jaro 1922, verkita de nia kara kunlaboranto Cieszyński. Ankaŭ „Ika" estas reprezentata per speciala ĉapitro. Plej rekomendinda al ĉiuj kiuj konas la polan lingvon.

**Kirchliches Jahrbuch** 1922/23 de Krose, S. J., Herder, Freiburg, Germ. 13 markoj × ŝlosilnombro.

Belega verko! Kompleta objektiva raporto pri katolika vivo kaj organizado en Germanio. Ĉiu eksterlandano, kiu volas studi kaj kompreni la germanan katolikaron, nepre devas legi tiun jarlibron. Plej aktuala kaj rekomendinda. La ekzaktaj adresoj ebligas tujan interrilaton kun la koncernaj gvidantoj kaj organizestroj.

**Die politischen Parteien** der Staaten des Erdballs, Regensbergsche Buchhandlung, Münster, Germ., broŝ., 15 paĝa.

Tiu kolekto de mallongaj raportoj pri ĉiuj politikaj partioj de la terrondo estas redaktita de nia amiko D^ro^ Stricker. Certe meritplena entrepreno, des pli grava, ĉar pri la apartaj ŝtatoj raportas ĉiam enlanda fakulo. La unua numero traktas perfekte pri Danio. — Ni esperas, ke la verko estas esperantigota.

### Esperanto-literaturo.

**Natan la Saĝulo,** Ellersiek u. Borel, Berlin, SW 61, Wilmsstraße 5; 2.40 markoj × ŝlosilnombro.

Ni ne juĝu tie pri la konata enhavo (ĝi defendas la indiferentismon) de tiu dramo de Lessing. La stilo, traduko, eksteraĵo estas belaj kaj perfektaj. Eble oni povus kelkfoje plibonigi la ritmon.

**Ekzercaro de Zamenhof,** sama eldonejo —.40 markoj × ŝlosilnombro.

La ekzercaro, eldonita en bela bonpapera formato, ne bezonas rekomendon.

**La oficiala radikaro** de E. Wüster, sama eldonejo; —.90 markoj × ŝlosilnombro.

Koncerne la rimarkojn en la enkonduko certe ne ĉiuj fakuloj kunsentos. Tamen oni devas admiri la profundan dilegentecon de la verkisto, aŭtoritato pri lingvaj problemoj.

**Historio de Esperanto** de K. Brüggemann, Esperanto-Verlag Friedrich Ader, Dresden A. 27; 1.20 markoj × ŝlosilnombro.

Tiu rekomendinda historio klare montras la evoluon de Esperanto, precipe interesaj estas la dokumentoj kaj leteroj de Zamenhof.

**Amfitriono** de Molière, Paris, Esperantista centra librejo, 51 Rue de Clichy.

Ĝoje ni salutas la eldonon de tiu mondkonata komedio de Molière. La lingvo estas belstila, la ritmo mola. Oni nur volus deziri, ke baldaŭ aperus dua eldono sur iom pli bona papero.

**Ĉi tiuj kaj ĉiuj aliaj libroj esperantaj kaj naciaj estas mendeblaj ĉe Paŭlus-eldonejo, Intern. sekcio, Graz, Aŭstrio.**

## Anoncetoj.

La kostoj por dufoja enpresigo ĝis 25 vortoj egalas la preson de 5 numeroj (duonkolekto) en la nacia valuto de l' anoncanto; por pliofta enpresigo rabato. Antaŭpago kondiĉo!

Ĉiuj katolikaj kolektantoj interŝanĝas, aĉetas aŭ vendas ĉiulandajn kaj ĉiuspecajn poŝtmarkojn ĉe „Mikro", Graz, Karmeliterplatz 5, Aŭstrio.

Kara peto. Neniu el niaj legantoj forĵetu afrankitajn kovertojn, kartojn, poŝtmarkojn ktp. Kolektu ĉion zorge kaj ensendu ĝin al „Mikro", Graz, Karmeliterplatz 5, por subteni la mision de Blanka Kruco.

Alexandro Barasits, pastro, Somo gysámson, Hungario, dez. kor. pri eklezioj temoj kun pastroj ĉiulandaj kaj aliaj katolikoj. Interŝanĝas ankaŭ neuzitajn P. M.

Katolika grupo esperantista en Düsseldorf (Germ.) deziras korespondi kun katolikaj grupoj esperantistaj de la tuta mondo. Skribu al S^ro^ Ant. Lobüscher, Düsseldorf-Hamm 126.

La rezulto de mia anonceto an K. M. II, 1—5 estas ke mi jam havas konstantajn korepondantojn en Aŭstrio kaj Ĉeĥoslovakio pri lernejo kaj geinstruista stato en tiuj landoj por mia litova ped. gazeto. Tio estas tre grava en nunaj tempoj, kiam daŭras kulturbataladoj inter katolikoj kaj kontraŭuloj. Mi korege deziras havi similajn korespondantajn ankaŭ en aliaj landoj. Oni povas skribi ankaŭ germ., france aŭ angle, se estus iom malfacile per Esperanto. Mi promesas sendi uzitajn (aŭ neuzitajn) litovajn poŝtmarkojn. Adreso: S. Tijunaitis, Kaunas, Lukŝio g. 11, Lietuva (Litovujo).

Josef Lejhaner, oficisto, Pravy, poŝto Dobrenice u Hradec Kr., Ĉeĥosl. dez. interŝ. P. K. kun ĉiuj landoj; mi estas membro de „Orel".

Vilhemo D'haese, Waasmunster, Belgio, deziras aĉeti sanktajn bildojn prefere en Aŭstrio; sendu specimenojn kun prezoj.

E. Janischowsky, stud. jur., Guttentag, OS., Germ., interŝanĝas P. M. de Germanio kaj Suprasilezio kun ĉiuj eŭrop. landoj (precipe Liechtenstein, Latvio, Litovio, Estnio, Hispanio, Turkio, Luxemburg, Finnlando, Jugoslavio).

S^ro^ Rud. Slivka, Kapfenberg, Feldgasse 4, Aŭstrio, dez. kor. kun tuta mondo, precipe kun Francoj kaj Rumanoj; l. P. K. il. bfl.

Otto Graf, inĝeniero, Cannstatt-Stuttgart, Haldenstraße 8 (Germanio). Vendado kaj aĉetado de ĉiuspecaj elektrikaj maŝinoj, aparatoj kaj materialoj. Teknikaj projektoj, kalkulaĵoj, komisioj, reprezentado kaj ellaboraĵoj.



## Rumanaj abonantoj!

Abonpagon por K. M., aliĝon al Ika, mendojn por Paŭlus-eldonejo akceptas: **Esperanto-Centro Rumana,** Bucuresti, Alea Suter 19.

## Grava avizo

**al niaj belgaj abonantoj.**

Ĉar nia amiko: R. P. Gerald Ramboux, 14 Halfstraat, en Leuven estas forlasonta Belgion, la 5^an^ de Aŭgusto, ni treege petas niajn belgajn abonantojn bonvoli tuj sendi al li ilian reabonon al la III^a^ kolekto, se ili deziras profiti la abonejon ĝis tiam funkcianta en ilia lando. Post ĉi tiu dato ili devos ĝin sendi senpere al nia administracio.

## Abonprezoj de K.M.

**Unueca internacia abonprezo de K. M. por la 3^a^ kolekto** (10 numeroj) estas **3 svisaj (oraj frankoj)** Abonintoj el malbonvalutaj ŝtatoj, kiuj **fakte** ne povas pagi tiun sumon, **povas** havi konvenan **rabaton** laŭ sekvonta modelo. Do abonprezo minimuma **estas**:

**Bonvalutaj ŝtatoj:** 3 oraj frankoj, ekz. Svislando, Anglio, Hispanio, Danio 3 fr.; ŝl.; pes.; kr.; Nederlando 1.50 fl.; Usono —.60 d.

**Mezvalutaj ŝtatoj:** ĝis 50% rabato; ekz. Francio 5 fr.; Italio 6 l.; Litovio 4 l.; Ĉeĥosl. 10 ĉ Kr.

**Malaltvalutaj landoj:** ĝis 66% rabato ekz. Jugoslavio 15 din.; Bulgario 20 l.; Rumanio 30 l.

**Plej malaltvalutaj ŝtatoj:** provizore ĝis 75% rabato ekz. Aŭstrio 10.000 aŭ. Kr.; Hungario 2000 hg. Kr.; por **Germanio** kaj **Polio** ni provizore nur akceptas **duonkolekton** kun la prezoj: 5000 g. m.; 5000 p. m. Ĉiuj ŝtatanoj de tiu kvara klaso povas enpagi ankaŭ en aŭstraj kronoj (10.000 por kolekto).

Oni pagu ĉe niaj poŝtkontoj aŭ naciaj abonejoj. Por ŝtatoj, kie ne ekzistas malgranda papermono, oni pagu samvaloran sumon en alia konstanta valuto. Kie nacia abonejo aŭ poŝtkonto ne ekzistas, oni pagu senpere per enskribita letero al Katolika Mondo, Graz, Karmeliterplatz 5, Aŭstrio.

**Nur abonintoj el Aŭstrio kaj Germanio povas senpere aboni per la poŝto.**



Posedanto, Eldonejo: Paŭlus-eldonejo (Ika), Graz, Karmeliterplatz 5. — Responta redakcio: Dr. M. J. Metzger, Graz. — Presistejo: „Styria", Graz.